Jaro 19-a Marto 1967 N-ro 2



# LA INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE **I.F.E.F.**

LA INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO

Sekretario: J. POPTIE, Poŝtfako 2204, Utrecht, Nederlando
Redaktoro: E. BURGLER, Sportstraat 62, Amsterdam-Zuid
Konto: Algemene Bank Nederland, Amsterdam, No 30.36281

*Rothenburg ob der Tauber*




# 19a KONGRESO DE LA INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO (IFEF)

**en Fulda (Germanio)**
**de sabato, la 6a de majo**
**ĝis vendredo, la 12a de majo 1967**

**Adreso de LKK**

19a IFEF-Kongreso, poŝtfako 700746, D-6 Frankfurt (Main) 70, Germanio. Bonvolu nepre distingi inter la koresponda kaj banka adresoj.

**Banko**

Eisenbahn Spar- und Darlehnskasse Frankfurt (Main), konto-numero 40051.

**Poŝtĉekkonto**

Eisenbahn Spar- und Darlehnskasse Frankfurt (Main), konto-numero 56908 Postscheckamt Frankfurt (Main), zugunsten konto-numero 40051.

**Kongresejo**

Oranĝerio en la parko de la rezideja palaco en Fulda.

**Kongreskotizo**

Ĝis 15a de marto 1967: 32,— germ. mark.
Ĝis 20a de aprilo 1967: 38,— germ. mark.

Por pensiuloj, edzinoj kaj junuloj (malpli ol 19-jaraj) la sumoj estas la duono, do sinsekve 16,— resp. 19,— germ. mark.

**Simbola aliĝo**

Por personoj, kiuj ne povos partopreni la kongreson, eblas aliĝi kiel simpatiuloj. Post aliĝo ili tuj ricevos 25 glumarkojn, post la kongreso la kongreslibron kaj la kongresinsignon. Minimuma kotizo 8,— GM.

**Glumarkoj**

La dukoloraj glumarkoj montras la kongresejon. Vidu la bildon en LIF sur paĝo 75 de n-ro 6/66 kaj sur paĝo 3 de n-ro 1/67.

Unu folio (25 glumarkoj) kostas 1,— GM plus 20 pfenigojn por sendkostoj, aŭ entute tri internaciajn respondkuponojn. Bonvolu mendi ĉe LKK.

**Kongreskarto**

LKK forsendas la kongreskarton post valida aliĝo.

**Kongreslibro**

La aliĝintoj ricevos la kongreslibron laŭeble en aprilo. Kongresanoj, kies aliĝo atingos LKK post la 31a de marto, ricevos la kongreslibron nur en Fulda.

**Esperanto-stratoj**

En la kadro de la kongresa programo estos inaŭgurataj du Esperanto-stratoj, unu en Fulda mem kaj alia en la ekskursloko Hilders (Rhön). Ofertos sin unika okazo de du ceremonioj, kies gravecon LKK propagandos per sia informa servo.

**Loĝiga servo**

LKK rekomendas al tiuj, kiuj deziras loĝi en malpli kostaj tranoktejoj, aliĝi kiel eble plej baldaŭ, ĉar la nombro de tiuj litoj jam estas limigita.

**Kongresa programo**

En la kongreslibro troviĝos nur provizora programo. La kompleta programo estos disdonata en Fulda kun la ceteraj dokumentoj.

**Filatelio**

Germana Esperanta Fervojista Asocio (GEFA) eldonos filatelian specialkoverton, sur kiu troviĝos la trikolora kongresemblemo. La koverto estos afrankata per poŝtmarko de 0,30 GM kaj stampata per speciala poŝtstampo. Vendado okazos dum la kongreso en Fulda.

**Ceteraj aferoj**

Ni ne povas ripeti ĉiujn publikigaĵojn aperintajn ĝis nun en LIF. Por tio estas konsilinde studi la antaŭajn eldonojn de LIF, antaŭ ol turni sin al LKK.

Kun ĝojo LKK konstatas, ke laŭ la ĝisnunaj aliĝoj kredeble la 19a IFEF-kongreso estos vizitata sufiĉe bone. La aliĝontoj volu tamen konsideri, ke partopreno nur en unuopaj tagoj limigos la valoron de la tuta kongreso. Ĝis 31.12. 1966 aliĝis 186 personoj el 13 landoj.

# KONGRESPROPONOJ

**Prop. 1.**

La Estraro de FERN (Nederlando) proponas ke en art. 23 de la Statuto post la unua alineo, kiu finiĝas per la vortoj „minimume la duonon el la komitato" oni aldonu novan alineon tekstantan:

**„Gravaj decidoj, kiel ekzemple aliĝo al, aŭ kontrakto kun iu ajn organizo, aŭ decidoj, kiuj iel povos endanĝerigi la strukturon de la Federacio, bezonas dutrionojn de la voĉoj. Pri la graveco decidas la komitato en la kongresa kunsido."**

**Prop. 2.**

**HEFA: Ni klopodu atingi pli da uniformeco en la nomoj de la landaj asocioj, menciante a) la landon, b) Esperanton, c) fakon, d) asocion laŭ jenaj ekzemploj: BEFA, DEFA, GEFA, HEFA, IEFA.**

Komento de la IFEF-Estraro:

Supra propono jam pli frue ne trovis la konsenton de kelkaj landaj asocioj. Por aliaj la afero ne estis interesa. Ĉiu landa movado decidas mem pri sia nomo sen intermikso de nia Federacio.
Krome ni atentigas pri tio, ke laŭ ĉi tiu propono ekzemple la Hispana kaj Hungara, Sveda kaj Svisa asocioj havus saman nomon: HEFA, SEFA.

## Ĉu vi jam mendis ĝin?

**Liveras L.K.K.**




# TAGORDOJ POR LA KUNSIDOJ

**Kunsido Estraro-Komitato**

1. Malfermo.
2. Ekzameno de la mandatoj.
3. Elekto/reelekto de komitatanoj/kromkomitatanoj. (Kandidato por la junularo estas: Claude Latin, Parizo).
4. Raporto pri la komitata laboro.
5. Pritrakto jarraporto (financa parto kaj deŝarĝo).
6. Raporto pri la jarkunveno de AEF.
7. Raporto pri la starigo de konflikta komisiono.
8. Laboro de la estraro.
9. Komuna agado kun radio-amatoroj fervojistaj.
10. Elekto de ĉefkomitatano. (Eblas proponi kandidatojn ĝis la pritrakto de ĉi tiu punkto).
11. Elekto de komitatano A. por UEA. (Ĝis la komenciĝo de la pritrakto estas okazo proponi pliajn kandidatojn).
12. Preparo kaj sugestoj por la estrarelekto en 1968.
13. Laborplano 1967/1968.
14. Libera diskutado.
15. Fermo.

★

**Plenkunsido**

1. Malfermo kaj raportado.
2. Ricevitaj salutoj.
3. Kongresraporto de la 18-a IFEF-kongreso.
4. Jarraporto 1966.
5. Pritrakto de la budĝeto 1968.
6. Raporto de la fakaj komisionoj. (a. fakprelega, b. terminara, c. junulara).
7. Pritrakto de la kongresproponoj.
8. Elekto de revizoro kaj vicrevizoro.
9. Elekto de la kongresurbo por 1968.
10. Provizora invito al kongreslando por 1969.
11. Libera diskutado.
12. Resumo kaj fermo.

★

**Kunsido de la Fakprelega Komisiono**

1. Spertoj pri la kompilado de la fakprelego pri skribaj ordonoj.
2. La fakprelego en Bulgario.

Tagordon de la Junulara Kunveno vidu sur p. 18.

# Jarraporto pri 1966

En ĉi tiu jarraporto prezentiĝas la funkciado de nia Federacio dum la jaro 1966. Ĝi entenas la agadon de la diversaj membroj de la estraro. Sekve de tiu aranĝo fariĝis superfluaj la apartaj raportoj de unuopaj estraranoj kaj estos pli simpla la pritraktado de la raporto en kongresaj kunsidoj.
Pri la agado de la diversaj komisionoj aperos apartaj raportoj de la koncernaj respondeculoj.

**Kongresoj**

Kiel kutime, ankaŭ en 1966, la plej grava okazintaĵo de la jaro estis la IFEF-kongreso, kiu okazis de la 14a ĝis la 20a de majo en la nederlanda urbo Utrecht. En la Solena Malfermo ĉiuj eminentuloj de la Honora Komitato alparolis la kongreson en Esperanto. Bildo pri belaj ekskursoj kaj distroj vivas ankoraŭ en la memoro de la partoprenintoj.
Plej gravaj decidoj de la komitato estis:

- aliĝo kiel faka movado al UEA
- aprobo de ĝenerala kaj kongresa regularoj
- elekto de du kromkomitatanoj de la Junulara Sekcio
- akcepto de kongresloko por 1967
- provizora akcepto de kongreslando por 1968.

Okazis altnivelaj fakprelegoj kaj interesaj ekskursoj. GEFA prezentis belaspektan, 80-paĝan terminareton kun 2000 terminoj, kompilitan de Gernot Ritterspach.
La kongreso sendis saluttelegramojn al s-roj Mollion kaj Rosher.

**Rilatoj**

Laŭstatute estas la tasko de la vicprezidanto konsili pri la organizado de la kongresoj. Kun LKK en Utrecht ne ekzistis rilatoj. LKK de la proksima kongreso en Fulda informis pri siaj kunsidoj kaj decidoj en laŭdinda maniero. Pri kelkaj punktoj okazis interŝanĝo de opinio. La kunlaboro estis tre agrabla.

**Faka kunveno en Budapest**

Alia grava evento estis faka prelego por fervojistoj en la kadro de la 51a UK en Budapest. Tiu ĉi faka prelego, kiun ĉeestis 180 fervojistoj el multaj landoj, estis pro la graveco de la temo kaj pro la unika aranĝado en la Muzeo de Trafiko, unu el la plej brilaj en la historio de nia movado. Ankaŭ la ĝenerala direktoro de la Hungara Fervojo kaj la direktoro de la muzeo ĉeestis.
Post la prelego kunvenis malgranda grupo de IFEF-komitatanoj kun la IFEF-prezidanto kaj -vicprezidanto, por pritrakti aferojn por kies fintrakto mankis tempo dum la 18a kongreso en Utrecht.

**Estraraj kunsidoj**

La IFEF-estraro kunvenis ĉiun monaton por konsiliĝi pri problemoj prezentitaj kaj por dividi inter si la taskojn plenumendajn.
Plej gravaj punktoj de la tagordo estis:

- la kotizo-pago, kiu en certaj landoj ne funkciis glate
- stimulado al la fondo de landa movado en Ĉeĥoslovakio
- financaj rezultatoj de la 17a kaj 18a kongresoj
- altiĝo de preskostoj por LIF
- enhavo kaj aperdato de LIF
- invitoj al niaj kongresoj
- konflikto kaj ĝia eventuala solvo
- pretigo de tagordoj por la kongresaj kunvenoj
- pritrakto de la kongresproponoj
- esploro de la teksto de novaj regularoj
- sonbendigo de kongresaj kunsidoj
- subvencio por GEFA-terminaro
- presigo Statuto/Regularoj
- aĉeto de skribmaŝino por la sekretario
- rekompenco por la uzo de propra skribmaŝino
- kompilado de letero al UEA por informi pri aliĝdecido
- pritrakto de teksto por cirkuleroj
- pritrakto de ricevitaj leteroj.

En unu el la kunvenoj ĉeestis la vicprezidanto, por pluraj kunvenoj la ĉefkomitatano akceptis nian inviton.

**Pri LIF**

En la pasinta jaro aperis 6 numeroj de LIF kun entute 88 paĝoj, 6 kovrilaj bildoj kaj 50 bildoj en la teksto. Pri la enhavo, kiun ni klopodis teni sufiĉe varia, juĝu la legantaro. La kunlaboro

estis relative kontentiga, (specialan dankon ni sendas al niaj ĉeĥaj kolegoj), tamen la estraro havas la impreson, ke interesaj novaĵoj pri fervojaj aferoj en diversaj landoj povus pliriĉigi la enhavon de nia organo. Tial denove nia urĝa peto al kompetentaj amikoj, ke ili bonvolu oferi iom da tempo por liveri al LIF freŝdatajn novaĵojn pri ĉio koncerne la fervojojn. Sen tiaj artikoloj, sen la aplikado de fervojaj terminoj, la ĵus aperinta terminareto ne povos kreski.
La redaktorino, kiu kun amo laboris pri nia organo, krome disponigis multan tempon per la vizitado al la presejo antaŭ la finpretigo de la koncernaj numeroj. Malgraŭ ĉi tiu penado la preserara diableto kelkfoje kolerigis ŝin per siaj obstinaj atakoj.

**Referendumo**

La rezultato de farita referendumo pri LIF trankviligis la redaktorinon, ĉar la juĝo pri la produkto de ŝia laboro estis ĝenerale pozitiva.

**Cirkuleroj**

Krom ĝia oficiala organo IFEF sendis en la pasinta jaro tri cirkulerojn kun specialaj sciigoj al la komitatanoj.
La kritikoj koncerne ĉi tiujn cirkulerojn instruis la estraron, ke ĝi devos fari necesajn klopodojn por eviti erarojn kaj krome supozigas, ke la estraro devas pli adapti la enhavon al la deziroj de (kelkaj) komitatanoj. Kiel pozitiva sekvo de la cirkuleroj elektiĝis du kromaj membroj por la Fakprelega Komisiono kaj akceptiĝis la proponita sumo por presigo de Statuto/Regularoj.

**Regularoj de IFEF**

Sub gvido de la vicprezidanto la komisiono finpretigis siajn proponojn por Ĝenerala kaj Kongresa Regularoj, kiuj akceptiĝis preskaŭ senŝanĝe en la 18a kongreso en Utrecht. Per tio la leĝdona agado estis solvita kaj la komisiono likvidita. Ni esprimas nian sinceran dankon al la kunlaborintoj.

**Presado de regularoj**

La presadon de la Statuto/Regularoj ni komisiis al la presisto de LIF. La forsendo de la bonaspektaj ekzempleroj al la landaj asocioj jam estas plenumita.

**Rilatoj kun la landaj asocioj**

La rilatoj inter IFEF-estraro kaj la landaj asocioj estis bonaj. La vicprezidanto vizitis specialan jarkunvenon en Vieno por klopodi solvi la malfacilaĵojn koncerne kotizopagon.
La prezidanto kontaktis kun helpo de Bohumil Král kun vicministro kaj sindikata estro en Praha, el kio rezultis pozitiva sinteno al nia movado kaj promeso pri stimulado al starigo de landa fervojista movado en Ĉeĥoslovakio kaj ĝia aliĝo al IFEF.
Krom tio la IFEF-prezidanto partoprenis jarkunvenojn en Uelzen kaj en Parizo. En la lasta akompanis lin la IFEF-kasisto.

**Rilatoj kun UEA**

La rilatojn kun UEA plenumas la vicprezidanto. UEA daŭre informis nin percirkulere pri sia agado kaj ricevis la petitajn raportojn kaj informojn. Dank' al la decido de la komitato, aliĝi kiel faka movado al UEA, ankaŭ estonte aperos informa artikolo pri nia Federacio en la UEA-jarlibro.

**Rilatoj kun ITF**

Ankaŭ tiujn rilatojn plenumis la vicprezidanto. Pro tempomanko de la ITF-sekretario aperis malpli da artikoloj en la ITF eldonaĵoj ol dum la antaŭaj jaroj. Tiom pli ni povas kontenti pri la unufoja aperigo de artikolo prikongresa en la presita anglalingva revuo. La ebleco sendi diverslingvajn artikolojn, grave helpos al regula publikigo de niaj informoj.

**Junularo**

Laŭstatute la vicprezidanto kontaktas kun la junularo. Ne prezentiĝis gravaj problemoj. Kontakto kaj informado de la gvidanto de la Sekcio ĉiam estis en plena ordo.

**Korespondado**

La sekretario okupas sin ĉefe pri la korespondado, la protokolado de la estraraj kunsidoj kaj la membroadministrado. Li ricevis 56 leterojn, 116 presaĵojn kaj forsendis 80 leterojn.

**Membronombro**

Nia Federacio havis en la fino de la jaro 1966 entute 2422 membrojn en 19 landoj, kontraŭ 2517 membroj en 1965. Tiu por nia movado nenormale granda regreso estas la bedaŭrinda konsekvenco de malfacilaĵoj koncerne la kotizpagon.
Ĉi-sube ni mencias la membronombrojn de la landaj asocioj. Parenteze ni aldonas la membronombrojn ĝis la fino de 1965.

| | | |
|---|---|---|
| Aŭstralio | 13 | (13) |
| Aŭstrio | 142? | (236) |
| Belgio | 36 | (36) |
| Britio | 34 | (34) |
| Bulgario | 100 | (100) |
| Ĉeĥoslovakio | 60 | (60) |
| Danlando | 87 | (90) |
| Finnlando | 40 | (48) |
| Francio | 300 | (303) |
| Germanio | 607 | (628) |
| Hispanio | 171 | (171) |
| Hungario | 165 | (150) |
| Italio | 109 | (111) |
| Jugoslavio | 95 | (95) |
| Nederlando | 117 | (118) |
| Norvegio | 60 | (55) |
| Pollando | 25 | (25) |
| Svedio | 153 | (153) |
| Svisio | 94 | (94) |
| Izolaj membroj | 14 | (22) |

**Funebra listo**

Ankaŭ en 1966 nia movado perdis kelkajn fidelajn membrojn pro morto. Forpasis en tiu jaro:
En Finnlando kolego Salokannel, multjara prezidanto de la Finnlanda fervojista asocio,
En Germanio niaj fidelaj membroj Schneider, Hund kaj Elsbach,
En Hispanio kolego Sergio Colis,
En Italio D-ro Inĝ. Guiseppe Albonetti kaj Gerolamo Montagna,
En Svedio nia amiko Örtengren la sekretario de la Sveda fervojista asocio, kaj la bone konata fidela amiko Hjalmar Olsson.
Sendube ĉi tiu funebra listo — kvankam tro longa — ne estas kompleta, ĉar oni ne ĉiam akurate informas nin pri la forpaso de tiuj kiuj fidele partoprenis nian laboron por la disvastigo de Esperanto inter fervojistoj.
Ke ili ripozu en paco.

**Financoj**

La financan staton de nia Federacio ni mencias ĉi sube.

**Ekstrakto de la Kaslibro je 31.12.1966.**

| *Enspezoj* | | *Elspezoj* | |
|---|---|---|---|
| Landaj kotizoj | Hfl. 6168,45 | Preskostoj LIF | Hfl. 4607,32 |
| Adoptitoj/Simpatiantoj | „ 20,— | Afrankkostoj LIF | „ 589,20 |
| Donacoj | „ 116,53 | Afrankkostoj estraro | „ 127,52 |
| Rentumo | „ 163,74 | Estarkunvenoj | „ 35,95 |
| Gramofondiskoj | „ 37,50 | Vojaĝ- kaj repr. kostoj | „ 256,50 |
| Kongresa Gar. Fonduso | „ 469,25 | Kontorbezonaĵoj | „ 276,20 |
| | | UEA kaj SAT | „ 65,— |
| | | GEFA-terminareto | „ 348,50 |
| | | Diversaĵoj | „ 70,75 |
| | | Bankkostoj | „ 10,92 |
| | | KGF Hfl. 469,25 | |
| | | Surpluso „ 118,36 | |
| | | | „ 587,61 |
| | Hfl. 6975,47 | | Hfl. 6975,47 |

**TAGORDO**
**DE LA JUNULARA KUNVENO**

1. Malfermo de la Kunveno.
2. Raporto pri la agado de la IFEF-Junularo (D-ro I. Ferenczy).
3. Alparoloj de la landaj junularaj reprezentantoj.
4. Pritraktado de la laborplano.
5. Libera diskuto.
6. Fermo de la Kunveno.

D-ro Imre Ferenczy
gvidanto de la junulara IFEF-Sekcio,
Györ 2, Poŝtfako 143,
Hungario.

## Korespondpetoj

Ĉeĥoslovakio: Jiři Švec, Široky Dul 12, p. Polička, okr. Svitavy, dez. kor. kun la tuta mondo. Kol. PM, IPK, alumetetik., insignojn k.t.p.

Maroko: Bayod Hoceine, 35, rue de la Mosquée, Tabriquet, Salé, muzelmana marokano, 26-jara, dez. kor. Interesiĝas pri PM, IKP, fervojo, muziko, vojaĝo k.t.p.

**Bilanco 1966a**

| *Aktivo* | | | *Pasivo* | | |
|---|---|---|---|---|---|
| Algemene Bank Nederland | Hfl. 2534,02 | | Kapitalo 1.1.66 | Hfl. 4805,89 | |
| Spaarbank Stad Amsterdam | „ 2390,23 | | Kapitalo 31.12.66 | „ 118,36 | |
| | | Hfl. 4924,25 | | | Hfl. 4924,25 |
| Pagendaj kotizoj | „ 822,35 | | Rezervo por presigo de Stat./Regularoj | | „ 800,— |
| Pagendaj (dubaĵoj) | „ 502,— | | GEFA-terminareto | | „ 51,50 |
| | | „ 1324,35 | Pagendaj kotizoj/dubaĵoj | | „ 502,— |
| IFEF-glumarkoj kaj diskoj | „ 39,20 | | Kongr. Gar. Fonduso | | „ 469,25 |
| Inventario | „ 279,20 | | | | |
| | | „ 318,40 | | | |
| Zivn. Banka, Praha | | „ 150,— | | | |
| L.K.K. Fulda | | „ 30,— | | | |
| | | Hfl. 6747,— | | | Hfl. 6747,— |

**Konkludo**

Jen amikoj, la raporto kiu volas doni al niaj gemembroj iun superrigardon pri la irado de nia Federacio dum la jaro 1966. El ĝi vi povos konkludi ke la bazo de nia movado — membronombro kaj financoj — estas ankoraŭ sufiĉe solida. Tamen la tro granda regreso de la membraro en la pasinta jaro, necesigas efikan varbadon por ke ni kiel eble plej baldaŭ denove superu la membronombron 2500. Por tiu celo ni kunigu ĉiujn niajn fortojn.

Amsterdam, la 14-an de februaro,
la IFEF-sekretario.

**La Sveda Asocio de Fervojistaj Esperantistoj donacis por nia kaso 100 guld. Ni esprimas nian plej koran dankon.**

**La IFEF-kasisto**

**La budĝeton por 1967 vidu sur p. 24.**

---

**Raporto de la revizoroj**

Deŝarĝo.

Ni kontrolis la librotenadon de la IFEF-kasisto, la fakturojn kaj la havaĵon de la Federacio.

Enspezojn, elspezojn kaj posedaĵojn ni komparis kun la enskriboj en la kontlibro.

Ĉion, kio rilatas al la laboro de la kasisto, ni trovis en plena ordo.

Laŭ pagitaj kotizoj, ĝis la fino de 1966, AEF havas rajton je nur unu komitatano. Por la ceteraj landoj la nombro de komitatanoj povas resti senŝanĝa.

Ni konstatis ke AEF pagis pomembro la jarkotizon de unu kaj duona guldenoj, anstataŭ la en 1964 aprobitan kotizon de du kaj duona guldenoj.

La tono en kelkaj korespondaĵoj ŝajnis al ni nepre kontraŭ la spirito de Esperanto.

La kasisto meritas laŭdon pro sia akurata kaj zorge farita laboro.

La revizoroj:
J. Lok
H. Becker
J. A. Hardeveld

Amsterdam, 10-1-1967.

# La Rhön-montaro

La urbon Fulda ĉirkaŭas du mezmontaroj, nome „Vogelsberg" al okcidento kaj „Rhön" al oriento. Pri la Rhön-montaro ni ĉi tie iomete okupiĝu, ĉar la lastan tagon de nia 19a IFEF-kongresa semajno ni dediĉos aŭtobusveturante al tiu regiono, kiu situas preskaŭ centre en la ĉeno de la germanaj mezmontaroj. Tipaj por la Rhön-regiono, kies tereno ampleksas 90 × 50 km, estas la grandaj senarbaj bazaltkegloj, sur kiuj unuavide melankolia soleco vastiĝas kaj ŝajne la ĉielo super la herbejoj pli larĝen kaj alten etendiĝas.
Malmildaj obskuraj marĉoj, borderitaj de venttaŭzitaj kriplaj betuloj, abioj kaj juniper-arbustoj alternas kun ĉarme revantaj herbejvaloj kaj faras la Rhön-montaron plenplena da kontrastoj. „Nigraj marĉ-okuloj" kiel oni nomas la marĉajn lagetojn, brilas en la malleviĝanta vespersuno kaj grandioza estas la ludo inter lumkoloro kaj ombro. Foje la kupolformaj bazaltmontoj verde respeguliĝas pro neimagebla lumbrilo, foje baras pezondaj nebulmaroj la klaran vidon trans vastterenan panoramon.
En la valvilaĝoj certa bonstato estas ekkonebla, sed en pli altaj setlejoj kaj bienoj — ili grimpas ĝis 700 m alten — la montaro edukas siajn enloĝantojn al ŝparemo kaj postulas de ili modestan vivmanieron. En penega laboro la montarkamparano spitakiras sian panon el la ne tre fruktedona grundo. Ofte oni maldensigis aŭ tute forhakis la arbaron por havigi novajn agrojn. Per arbustoj aŭ arbovicoj la kamparano donis al la sablaj deklivoj la necesan reziston, same kiel la fiŝriĉaj riveretoj havas siajn bordprotektantajn alnojn kaj salikojn. Tamen la Rhön-ano estas kontenta kun sia sorto kaj amas sian hejmlandan regionon tutkore.
Riĉa je akvo estas la Rhön. Multajn riveretojn la montaro adiaŭas valen, al ĉiuj direktoj la fluejoj traboras la montmasivojn, postlasante radiforman desegnaĵon en la pejzaĝo.
Sur la suda flanko de „Wasserkuppe", kun 950 m la plej alta monto de la montaro, naskiĝis la rivero Fulda. Dum ĝi plaŭde kaj ĉarme sekvas sian destinitan vojon, kvin aliaj riveretoj societas al ĝi kaj fine post longa vojaĝo la riveroj Fulda kaj Werra kunfandiĝas al granda fluaĵo: la Weser, kiu al la Norda Maro renkonten rapidas.
Aliaj riveretoj — minimume 6 — estiĝas el la akvorezervoj de Rhön kaj nutras la riveron Fränkische Saale, kiu siaflanke kondukas sian akvon al la Rejno. Multajn malsanulojn ĉiujare allogas la Rhön-regiono; ili serĉas kuracadon aŭ pliboniĝon de siaj suferoj, ĉar en la rivervaloj fondiĝis diversaj kuracbanejoj kun sanigaj fontoj mineralakvaj, precipe karbonacidaj, kaj unu kuracloko eĉ fariĝis famega, nome Bad Kissingen.
La dumvintra klimato de la Rhön-montaro longtempe havis malbonfamon. Pro la neĝamasoj kaj la nebuloj oni



*Vidaĵo de Milseburg (835 m)*

# Tra Germanio al Fulda

Baldaŭ denove estos majo, la monato de la jam tradiciaj IFEF-kongresoj, kaj kelkaj inter niaj fervoraj gekolegoj sin preparas jam la 19an fojon por ekvojaĝi al nova kongreso, ĉi-jare al Germanio.
Estiĝas la demando „kiun trajnon mi prenu — kiun itineron mi elektu". Oni komencas trafoliumi horarlibrojn, iras al la informa giĉeto kaj certigas sin pri la longdistancaj komunikoj, ĵetas rigardon en sian pasporton, enpoŝigas plimalpli da mono kaj fine eksidas en trajno, kiu veturas al Fulda.
Bonvenon en nia lando! Permesu, kara gasto, iomete akompani vin kaj klarigi al vi la pejzaĝon, kiun vi ek de la landlimo traveturas.

**Basel-Frankfurt-Fulda** (5-6 horoj)
La trajno transiras jam antaŭ la germana landlimo la ankoraŭ junan Rejnon kaj samdirekte kun ĝi rapidas norden tra fekunda pejzaĝo inter la Nigra Arbaro (dekstre) kaj la riverfluejo (maldekstre). Neatendite, post proksimume kvaronhora veturado, sin prezentas la 60 m alta kalkŝtona roko „Isteiner Klotz". Necesis eĉ du tuneloj por traveturi flankan parton de tiu monto. La trajno plu-veturadas kilometron post kilometro kaj jen 40 minutojn post Basel atingas la grandurbon Freiburg, la kulturan kaj spiritan centron kun universitato, kiu tamen ne perdis sian aparte hejmec-intiman karakteron. Por sekundoj salutas dekstre la belega ŝtonĉizita turo de la gotikstila katedralo. Postlasinte tiun urbon vi povas admiri la ĉarman naturon, kiu kvazaŭ feste sin vestis per printempa robo. Via vojo kondukas ĉiam laŭlonge de montarĉeno de la Nigra Arbaro. Maldekstre la ebenaĵo plivastiĝas al vinkultura distrikto 'kaj baldaŭ vi atingas la regionan ĉefurbon Offenburg. Sekvas la urboj Renchen, Achern kaj Bühl, kie hejmas „la blua reĝino" kiel oni tie nomas la abunde maturiĝantajn prunojn. Sed via trajno urĝas. Por ne ĝeni la trankvilecon de la mondfama kuracbanejo Baden-Baden, ĝi nur tuŝas la antaŭurbon Baden-Oos kaj preter Rastatt ĝi alstrebas Karlsruhe, la belan grandurbon kaj germanan justic-metropolon. Karlsruhe dum jaroj preparis sin por la Germana Florekspozicio 1967 (aprilo-oktobro) kiu ampleksas grandegan terenon meze en la urbo kaj nepre valoras apartan viziton. Ek de Karlsruhe pluraj ĉeflinioj kondukas al Frankfurt. Ni supozu, ke via trajno sekvas la plej belan tra Heidelberg. Postrestas la Nigra Arbaro, ambaŭflanke aperas bone prilaboritaj kampoj, kie diligentaj homoj ĝuste rikoltas jam la unuajn delikatajn asparagojn. Tiun kamparanan regionon nur interrompas la urbo Bruchsal, kies bela barokstila palaco dekstre por momento — tuj post la stacio — estas videbla. Vi atingas Heidelberg, la romantikan universitaturbon kun fama kastelo. Se vi estas tre bonŝanca, vi eĉ vidas ĝin (dekstre) 4 minutojn post forlaso de la stacio Heidelberg.
Vi transveturas la riveron Neckar kaj denove ŝanĝiĝas la pejzaĝo. Ĉeno de arbarkovritaj montoj proksimiĝas (dekstre): la tielnomata „Montostrato" (Bergstrasse) kun la pitoreskaj urbetoj Weinheim, Heppenheim kaj Bensheim. Precipe dum frua printempo tiu regiono estas multe vizitata de sunsopiraj gastoj, ĉar la Montostrato estas la plej favor-

---

parolis pri „germana Siberio". Hodiaŭ la montaro ĝuste pro la neĝo estas multe ŝatata de sportemuloj, kaj amase ili svarmas per skioj de sur la bazaltaj deklivoj, kiuj sin ideale ofertas pro tiu sporto. Ankaŭ en la vastaj someraj herbejvaloj oni antaŭ jardekoj nur vidis monotonan solecon; hodiaŭ pro la hasta kaj streĉa semajnlaboro la homoj serĉas silentajn, ripozdonajn verdangulojn, pri kiuj la Rhön-montaro ankoraŭ abunde disponas.
Ne laste estu menciate, ke la plej alta monto de la Rhön, la Wasserkuppe, fariĝis eldorado de nobla sporto: la glisaviado. Laŭ eterna sopiro de la homaro al flugado, la glisiloj senbrue kaj elegante glitas super vasta panoramo, kaj — se ni estos bonŝancaj dum nia ekskurso, kaj maja sunbrilo plibeligos nian kongresan fintagon — ankaŭ ni povos admiri la sveltajn glisaviadilojn flugantajn senpene kvazaŭ ili estus majestaj birdegoj.

Elisabeth Ritterspach

klimata regiono en Germanio kaj por tio eĉ maturiĝas migdaloj tie. Antaŭ Darmstadt komenciĝas arbaroj, kiuj vin akompanas ĝis Frankfurt, la granda kaj vigla urbego ĉe la rivero Main, kie naskiĝis la germana ĉefpoeto Goethe.
En inversa direkto vi forlasas la ĉefstacion de Frankfurt kaj denove transveturas la riveron Main por atingi Offenbach, la centron de la germana ledajindustrio. Ĉe Hanau la rivero Main denove krucas vian vojon, poste estas la rivereto Kinzig, kiu vin akompanas, unue maldekstraflanke, poste dekstraflanke. Apud Gelnhausen sur insulo maldekstre vi povas admiri palacon de la imperiestro Frederiko „Barbarossa" (Ruĝbarbulo) el la jaro 1170. Longa tunelo (3,5 km) tintigas viajn orelojn post Schlüchtern, ĉe kies fino aliĝas la relvojo de Würzburg kaj la trakoj komune kondukas en malpli ol dek minutoj al Fulda.

**Puttgarden-Hamburg-Fulda**
(6,5 - 7,5 horoj)

La plej multaj skandinavoj sendube envojaĝas Germanion laŭ la tielnomata „birdfluga linio". Forlasinte la pramŝipon kaj traveturinte la insulon Fehmarn eble ankaŭ vi fulmrapide ekprenas vian fotoaparaton por kapti bildon de la Fehmarnsund-ponto. Tio plej bone eblas tuj post transveturo de la ponto maldekstraflanke, sed la tempo urĝas, ĉar la tuta konstruaĵo estas nur kelkajn sekundojn favore videbla. Vi nun estas en Ŝlesvig-Holstino, la plej norda parto de Germanio kun preskaŭ nenia industrio, sed multe da agrikulturo, precipe brutbredado. Konataj estas la nigreblankaj bovinoj, kiuj amase sin paŝtas sur vastaj herbejoj. Kaj ĉevaloj! Multaj rajdistoj, kiuj ie gajnis premion, tion sukcesis helpe de „Holstinaj Varmsanguloj".
Arbaroj alternas nun kun kampoj ĉirkaŭataj de avelarbustoj, prunelheĝoj kaj multe da aliaj bosketoj. Post unu horo vi atingas Lübeck, la belan, iam sendependan Hanso-komercurbon. Baldaŭ poste vi krucas kanalon, kiu interligas la riverojn Elbe kaj Trave kaj per tio la Baltan kun la Norda Maro. La pejzaĝo intertempe ŝanĝiĝis. La grundo fariĝis sabla, marĉoj abundas, riveretoj malvigle fluetas akvumante vastajn herbejojn. La regiono ŝajnas melankolia, eĉ malserena. Sed la trajno rapidas kaj baldaŭ domamasoj kaj fabrikaj kamentubegoj anoncas, ke Hamburgo proksimiĝas. Impone sin prezentas la urbego, la dua laŭ grandeco en Germanio, ĉe la riveroj Elbe kaj Alster. Tuta arbaro da turgruoj sentigas la signifon de ĝia mondfama haveno. Ne forgesu, ke en Hamburgo okazos dum Pentekosto la germana Esperanto-kongreso, kie oni certe kun ĝojo akceptas eksterlandajn gastojn....
Sed unue via celo ja estas Fulda. Do, for el la ĉefstacio de Hamburgo, suden! Vi transveturas du larĝajn flubrakojn de la rivero Elbe, kiuj vastiĝas dekstren al ŝipplenaj havenbasenoj, baldaŭ trian Elbebrakon apud Hamburg. Pluen vi veturas apud Winsen trans la rivereton Luhe kaj tuj post Celle trans la riveron Aller. Inter ambaŭ fluaĵoj situas la multe prikantita Luneburga Erikejo. Eĉ de la trajnfenestro vi povas iomete senti la poezion de tiu pejzaĝo, kvankam la relvojo nur rande tuŝas ĝin. Preter la fenestroj post Celle glitas fekundaj agroj, larĝaj ĉevalpaŝtejoj kaj biendomoj, kies ekkonilo estas du krucitaj ĉevalkapoj ĉe la tegmenta ĉeftrabo.
La trajno baldaŭ krucas la kanalon „Ems-Weser-Elbe" kaj post proksimume dek minutoj enveturas la stacion de la grandurbo Hannover, konata pro la ĉiujara Germana Industria Grandfoiro kun multege da en- kaj eksterlandaj eksponstandoj. Hannover situas apud la rivero Leine, kaj tiu rivero akompanas vian trajnon dum pli ol cent kilometroj, jen dekstra- jen maldekstraflanke tra vere ĉarma regiono: apud Nordstemmen, kvaronhoron post Hannover, dekstre aperas la impona kastelo Marienburg, tuj poste sekvas la industriloko Elze, kies staciestro estas la prezidanto de GEFA, kolego Giessner. Antaŭ Alfeld (dek minutojn poste) aperas maldekstre „La Sep Montoj", la scenejo de la fabelo „Neĝulino kaj la sep nanoj".
En Göttingen, malnova universitaturbo, haltas la plej multaj eksprestrajnoj, antaŭ ol daŭrigi la veturadon direkte al Bebra. Kvaronhoron post Göttingen vi atingas Eichenberg. Maldekstre de la stacio vi povas ekkoni sur la montetoj la pikdrataron kaj armitajn gvatturojn de la mezgermana teritorio. Sekvas du

tuneloj, vi transpasas la riveron Werra kaj jen denove dum du, tri kilometroj la trajnon maldekstre akompanas la rivero Werra kaj drataro kaj turoj. En Bebra vi unuafoje ekvidas la riveron Fulda, kiun vi sekvas ĝis Bad Hersfeld. Ĵetu ankoraŭfoje rigardon al la precipe dum printempo idilia pejzaĝo, kaj preparu vin por eltrajniĝi: post malpli ol duonhoro vi atingos la kongresurbon Fulda.

**Passau-Würzburg-Fulda** (5,5 - 6 horoj)

Se vi eniras Germanion ĉe Passau vi unue transveturas la riveron Inn kaj nur de malproksime vidas dekstre la vere eŭropan riveregon Danubo. La tria rivero Ilz, de nordo venanta, restas nevidebla. La urbo Passau estas superregata de la majesta, laŭ itala baroko konstruita katedralo, en kiu troviĝas la plej granda preĝeja orgeno de Eŭropo. Ĉi tie — same kiel en Fulda — Bonifatius, la „apostolo de la germanoj" ludis gravan rolon. Estis li, kiu ĉi-loke fondis en 739 potencan eparkion.
Via trajno nun sekvas por kvaronhoro la danuban fluejon kaj iom poste transiras la riveron Isar, kiu alkondukas la akvon de la alpaj lagoj tra Munkeno al la Danubo. Maldekstre etendiĝas la grenrezervujo de Germanio, dekstre la montoj de la Bavara Arbaro. La stacio post Straubing estas Regensburg; ĉe klara vetero vi povos vidi kelkajn minutojn antaŭ Regensburg (dekstre trans la Danubo) sur monto grekstilan kolonhalon, la „Walhalla", starigita honore al eminentaj germanoj. Regensburg estas unu el la plej malnovaj germanaj urboj kun netakseblaj arttrezoroj. Rigardante dekstre el via kupea fenestro post ekveturo vi vidas super ĉio la sveltajn turojn de la katedralo, laŭstile parenca al orientfranca gotiko. Kelkminute post Regensburg, proksime al la loko, kie dekstre el pitoreska valo la rivero Naab enfluas, vi transveturas kaj definitive forlasas la kurbiĝantan Danubon. Cetere tiu granda rivergenuo estas la plej norda punkto, kiun la riverego atingas.
Unu horon vi bezonas por la centkilometra distanco inter Regensburg kaj Nürnberg, veturante tra arbarriĉa, bela regiono. Por fervojistoj menciinde estas, ke tiun tutan relvojsekcion kun ĉiuj signaliloj kaj trakforkoj teleregadas la linia trajnekspedanto en Nürnberg. La urbo Nürnberg mem estas konata pro famaj nomoj el la komenciĝanta 16a jarcento: Albrecht Dürer (pentristo), Veit Stoss (lignoskulptisto), Hans Sachs (populara poeto), Peter Henlein (eltrovinto de la poŝhorloĝo), kaj Martin Behaim (kiu faris la unuan terglobomodelon).
Denove centkilometra etapo ĝis Würzburg sekvas. Ambaŭflanke aperas kampoj por lupolo kun la tipaj ĝis 7 metrojn altaj stangoj. Dekstraflanke preterglitas post duonhora veturado la kastelo Schwarzenberg. Apud Kitzingen vi transveturas la riveron Main kaj eniras vinkaj fruktkulturan distrikton, kies centro estas Würzburg. Ĉi tie vi havas maldekstraflanke liberan rigardon al la surmonta fortikaĵo Marienberg, al la svelttura pilgrimadpreĝejo „Käppele" kaj al la arĝente brila rivero Main, trans kiun kondukas malnovega ŝtonponto kun sanktulfiguroj. La trajno nun sekvas la riveron Main, kiun vi vidas maldekstraflanke, dum dekstre ascendas vitejoj. Post la stacio Gemünden, apud kiu du riveretoj kuniĝas kaj komune enfluas en la riveron Main, vi forlasas tiun riveron. Tra kelkaj tuneloj sub la unuaj bazaltaj Rhön-montoj post malpli ol unu horo vi atingas la stacion de nia kongresurbo.

★

Kompreneble ankoraŭ multaj aliaj relvojoj kondukas al Fulda, sed ĉi-loke ne eblas priskribi ĉiujn. Mi elektis nur tri liniojn, kiuj eble ne estas tiel konataj kiel la Rejnvalo. „Tra Germanio per la fervojo" estas slogano de la Germana Federacia Fervojo; sekvu tiun inviton, sed ne forgesu halti en la mezo: en Fulda!

Elisabeth Ritterspach

# LISTO de la komitatanoj proponita por la kongreso en Fulda

| | |
|---|---|
| *Aŭstrio* | Ing. Wilhelm Hermann, Zehetbauerg 4/6/III/10 1110 Wien |
| *Belgio* | Leo de Bruyne, Station, Linkebeek |
| *Britio* | Frank Curtis, 174 Stroud Road, Gloucester, Glos. |
| *Bulgario* | Georgi Dolapĉiev, Klement Gottwald 54, Sofio |
| *Ĉeĥoslovakio* | Bohumil Král, Komunardu 35, Praha 7 |
| *Danio* | H. Hauge, Eranthisvej 16, Höjene, Hjörring |
| *Finnlando* | N. G. Narvala, Majavatie 14 A 7, Helsinki 80 |
| *Francio* | F-ino Germaine Lemonnier, 17 Rue Emile Agier, Asnière (Seine) |
| | Robert Coyac, 7 Rue Hoche, 78 Sartrouville (Sne & Oise) |
| *Germanio* | Joachim Giessner, Postfach 202, D.321 Elze (Hann.) |
| | S-rino Elfriede Kruse, Schweizerstr. 104, D 6 Frankfurt (M) 70 |
| | Willi Grass, Meteorstr. 13, D.565 Solingen-Ohligs |
| | Gernot Ritterspach, Berliner Allee 1, D.607 Langen (Hess) |
| *Hispanio* | Tomas Ortiz Garcia, División de Obras Sociales y Asistenciales de la RENFE, c/Méndez Alvora no. 1 -10, Madrid (7). |
| *Hungario* | Stefano Bácskai, Arpád F.u. 28/A, Budapest XVII Rákoshegy |
| *Italio* | Germano Gimelli, Via Donato Creti 61, Bologna |
| *Jugoslavio* | Sredić Gvozden, Poŝtfako 563, Beograd |
| *Nederlando* | J. J. Labordus, Kenaustraat 26, Utrecht |
| *Norvegio* | Per Johan Krogstie, Löten |
| *Polio* | Erazm Nawrowski, ul. Hetmanka 20, Gdynia |
| *Svedio* | Rune Palmgren, Persikogatan 32-III, Vällingby |
| *Svisio* | Kurt Greutert, Via Monte Ceneri, Ch. 6512 Giubiasco (Ti) |
| *Aŭstralio* | mankas |

Kromkomitatanoj por la junularo:

F-ino Greta Gössl, Starhembergstr. 15, 4020 Linz/Donaŭ
Claude Latin, 16 rue Baudry, 75 Paris 15e

**IFEF-komitatanoj bonvolu nepre atenti art. 14 de la Statuto/ĝenerala regularo koncerne al anstataŭigo dum la kongresaj kunsidoj.**

---

# BUDĜETO DE IFEF POR LA JARO 1967

*Enspezoj*

| | |
|---|---|
| Landaj kotizoj | Hfl. 5750 |
| Izolaj membroj | „ 10 |
| Abonantoj | „ 65 |
| Rentumo 1966 | „ 135 |
| Vendotaj glumarkoj | „ 5 |
| Vendotaj gramofondiskoj | „ 15 |
| | Hfl. 5980 |

*Elspezoj*

| | |
|---|---|
| Preskostoj LIF | Hfl. 4400 |
| Afrankkostoj LIF | „ 600 |
| Afrankoj korespondaĵoj | „ 125 |
| Estrarkunvenoj | „ 40 |
| Vojaĝkostoj | „ 250 |
| Kotizo UEA | „ 50 |
| Subteno SAT | „ 15 |
| Kontorbezonaĵoj | „ 80 |
| Telegram/telefonkostoj | „ 20 |
| Neantaŭviditaj elspezoj | „ 400 |
| | Hfl. 5980 |

# Raporto

## pri la laboro de la Junulara Sekcio de IFEF

La junularo de IFEF ankaŭ en Utrecht, dum la 18a Kongreso renkontiĝis kaj pritraktis siajn problemojn kaj taskojn por la sekvonta jaro.
La diverslandaj junaj gekolegoj tiusence laboris kaj oni povas konstati, ke la aktiveco inter la junularo kreskis en la lasta jaro.

**En Francio** estis la plej vigla laboro. En Utrecht estis elektita kiel kromkomitatano s-ano J. Mevel, kiu bone helpis la laboron de la FFEA-Junularo. La 20an de septembro 1966 okazis la jarkunveno de la FFEA-Junularo. Oni elektis la novan estraron, kies prezidantino estas denove s-anino Josette Bernier. La gejunuloj faris kelkajn belajn ekskursojn, partoprenis la tradician internacian skisemajnon okazintan en Krimml (Aŭstrio). Oni povis ofte legi la artikolojn de la junaj francaj gekolegoj en ilia organo. La sekvonta programo de la FFEA-Junularo enhavas tre interesajn aranĝojn, inter ili ekskursojn, kongresan restadon kaj trisemajnan aŭtomobilan propagandvojaĝon en Eŭropo.

**En Aŭstrio** la fervojista junularo ĉiujare aranĝas internacian skisemajnon. Oni helpas en la organizaj laboroj kaj ili aktive partoprenas la klubvesperojn. La alia kromkomitatano estas f-ino Greta Gössl, kiu multe helpas la movadon.

**Germanio**. Sub gvido de kolego Günther Doliwa la aktiveco de la fervojista junularo estas pli granda, ol en la lastaj jaroj. Oni preparas sin al la junularaj aranĝoj de la 19a IFEF-Kongreso.

**Hungario**. La hungaraj junaj fervojistaj esperantistoj multe helpis la preparlaborojn kaj mem la 22an TEJO-Kongreson, kiu okazis en urbo Pécs. En Pécs, dum la menciita Kongreso ĉeestis ankaŭ fervojistoj el pluraj landoj.
En Budapest, dum la fervojistaj esperantistaj klubvesperoj ĉeestas kaj aktive partoprenas ankaŭ la junularo.
La tasko de la junularo estas pli intensive labori kaj plifortigi la kontaktojn. Espereble la Kongreso en Fulda multe helpos la junularon, ĉar la kongresa programo enhavas tre interesajn, belajn aranĝojn. Nia tasko do estas daŭrigi la laboron, ke nia IFEF-movado atingu novajn rezultojn.

D-ro Imre Ferenczy
gvidanto de la Junulara
Sekcio de IFEF.

## Fondiĝis Internacia Organizaĵo de Esperantistoj-poŝtistoj

En la kadro de la 51a Universala Kongreso de Esperanto en Budapeŝto okazis fondkunveno de la Internacia Poŝtista Esperanto-Asocio (IPEA). Partoprenis kolegoj el 9 landoj: Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Finnlando, Francio, Germanio, Hungario, Pollando, Rumanio kaj Sovet-Unio.

La kunveno i.a. faris jenajn decidojn:

1. Fondi Internacian Poŝtistan Esperanto-Asocion.
2. Komisii al provizore elektita estraro:
   a) ellabori statuton;
   b) kontaktiĝi kun esperantistaj poŝtistoj el diversaj landoj;
   c) eldoni fakan bultenon;
   d) organizi sekvan kunvenon de esperantistaj poŝtistoj en la kadro de internacia kongreso aŭ konferenco de Esperanto.

La Sofiaj esperantistaj poŝtistoj estas komisiitaj formi estraron, kiu funkcias kiel provizora laborkomitato kaj organizi fakkunvenon poŝtistan en la kadro de la venontjara kongreso de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.
Kiel Provizoran Komitaton de IPEA oni elektis jenajn kolegojn: Asen Grigorov, Paskal Parvanov kaj Dimitr Karagjozov. Adreso de la Komitato: IPEA, Poŝtenska Kutija 25, Sofia-C., Bulgario.
La Provizora Komitato de IPEA decidis akcepti kiel membrojn de la Asocio ĉiun kolegon, kiu volas aliĝi al ĝi. Sufiĉas simpla letero aŭ poŝtkarto kun dezir-esprimo pri membrado.
Nia kolego Heinz Schindler el Schwelm (Germanio) partoprenis ĉe la fondkunveno en Budapeŝto kun sia edzino, kiu estas poŝtistino.
Ĉar li mem spertis, kiel grava kaj valora estas la laboro de la fakaj organizaĵoj por la Esperanto-movado, li petas la gekolegojn informi la Esperantistojn kaj interesulojn inter la poŝtistoj, telegrafistoj, telefonistoj, radio- kaj televidkunlaborantoj pri la fondiĝo de IPEA.

Tirare = tirantaj

## Kelkaj interesaj informoj el Ĉeĥoslovakio

La ĉeĥoslovaka fervojreto estas 13139 km longa. 2776 km da fervojaj linioj estas dutrakaj. Je 100 km2 troviĝas 10,3 km da linioj. Per tio Ĉeĥoslovakio viciĝis sur la kvinan lokon en Eŭropo, tuj post Luksemburgo, Belgio, Britio kaj Germana Federacia Respubliko, kaj ĝi staras sur la unua loko inter la socialistaj ŝtatoj.
Por ĉiuj mil loĝantoj estas 1 km da fervoja linio. Laŭ tiu ĉi indiko Ĉeĥoslovakio staras sur la sesa loko en la mondo.
En la ĉeĥoslovaka fervojreto estas 3500 stacioj kaj haltejoj. Tio signifas, ke je ĉiu 3,5 km estas stacio, aŭ haltejo.
Ĝis la 1a de septembro 1965 estis en Ĉeĥoslovakio elektrigitaj 1714 km da linioj (13%), inkluzive 140 km da linioj de alterna kurento. De 1966 ĝis 1970 estos elektrigitaj pluaj 1100 km.
En la jaro 1965 disponis Ĉeĥoslovakio jam pri 5500 km da velditaj trakoj. La ĉeĥoslovakaj fervojoj viciĝis per tio sur la duan lokon en la mondo (post Germana Federacia Respubliko kaj antaŭ Usono). Ĉiujare oni veldas ĉirkaŭ 600 km da trakoj.

Tradukis Št. el gazeto „Železničár", n-ro 9/1965.

## Rekordo de ĉeĥoslovakaj lokomotivoj en SSSR



Ĉeĥoslovakaj elektraj lokomotivoj Čs - 2M atingis dum la provveturoj farataj sur linio Leningrad-Moskvo maksimalan rapidecon de 207 km/hore. Ĉi tiuj lokomotivoj tirantaj specialan trajnon kunmetitan de novaj sovetaj rapidvagonoj laŭ linio ekipita per aŭtomata sekureca- kaj signalaranĝoj, plialtigas la rapidecon de la tagekspresoj de kutimaj 160 km je 180 km/hore.
Tio ĉi signifas novan eŭropan rapidecrekordon superreganta eĉ la faman francan „Mistral-on".

Trad. Ružička - Dečin.

## NEKROLOGO

**Nederlando:** La 5an de januaro mortis nia fidela membro k-go H. G. J. van Gulik, Tulpstraat 1b, Zwolle. Ni sincere kondolencas al la funebrantaj familianoj kaj al la landa asocio FERN.

**Svedio:** La sveda IFEF-sekcio kaj la sveda Esperanto-movado denove perdis pioniron.
Nia energia, alte taksata eksprezidanto kaj amiko Hjalmar Olsson, Stockholm, por pulminflamo mortis la 10an de januaro. Li estis preskaŭ 77-jara.
Tute konsternitaj ni ricevis la sciigon. Kelkajn tagojn antaŭ Kristnasko li vizitis min en la oficejo. Li faris sian tagan promenadon kaj li tute brilis de sano kaj bona humoro. Kune kun sia edzino li intencis vojaĝi — kiel kutime — al Kanariaj Insuloj en januaro.
De la fondiĝo en 1951, li estis prezidanto en la sveda sekcio de IFEF. Li lasis tiun funkcion en 1958 kaj proponis pli junan prezidanton. Dum sia vivo li gvidis sennombrajn Esperanto-kursojn.
Pere de siaj personaj kontaktoj en la fervoja estraro, urba konsilantaro de Stockholm, sveda parlamento kaj la sveda registraro, li estis tute neanstataŭigebla en nia sekcio.
Hjalmar Olsson havis multflankajn interesojn, li i.a. persiste laboris por la koopera movado, esperantista kantĥoro, sindikata movado, politiko kaj ĉiam por Esperanto. En multaj temoj li skribis gazetajn artikolojn. Kun bona humoro, li ĉiam estis preta batali por siaj idealoj. Kune kun lia edzino kaj familio ni sentas profundan ĉagrenon. Koregan dankon por via persista laboro! Ripozu en paco!

Por la estraro de SFEF
Folke Pettersson

La IFEF-estraro esprimas sian kondolencon pro ĉi tiu granda perdo. Amiko Olsson vi restos ĉiam en nia memoro.

# Recenzoj

I. Lapenna: **Elektitaj paroladoj kaj prelegoj.** Eldono de la aŭtoro. 152 p. Prezo 11,—.

La verko estas suplemento al la pli frue aperinta „Retoriko", sed formas tamen apartan tuton.

Krom diversajn malfermajn paroladojn, kiujn la aŭtoro eldiris en Universalaj Esperanto-Kongresoj kaj alparolojn ĉe aliaj okazoj, ĝi enhavas ankaŭ lian paroladon favore al la Peticio faritan en la Ĝenerala Konferenco de UNESKO en 1952 en Parizo kaj lian respondon al la malinda atako de la dana Prof-o Blinkenberg en la UNESKO-Konferenco en 1954 en Montevideo: ambaŭ havas historian signifon por la Esperanto-movado!

La prelegoj temas pri: *1. La lingva problemo en la internaciaj rilatoj. 2. La grandeco de D-ro Zamenhof. 3. Universala Esperanto-Asocio.*

La paroladoj kaj prelegoj estas brilaj modeloj de retoriko, enhave tre instruaj, lingve facila kompreneblaj, stile fluaj. Estas ĝuo legi ilin. F.F.

**Katalogo de elektitaj libroj en Esperanto,** Universala Esperanto-Asocio, Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam-2, Nederlando. La katalogo prezentas liston de elektitaj libroj, eldonitaj dum la lastaj jaroj ĉe diversaj eldonejoj. La alfabeta nomlisto plifaciligas la serĉadon. Ĉiu libro estas karakterizata per kelkaj trafaj frazoj.

**Katolika Terminaro,** Esperanto-Nederlanda, kompilis H. Roosen S.C.J., eldonis Internacia Katolika Informejo, Tilburg, Nederlando. Prezo 1.— ned. guldenoj = 4 steloj. La broŝuro enhavas laŭ alfabeta ordo katolikajn terminojn en Esperanto kun la nederlanda traduko; ĝi estas la nederlanda kompilaĵo de la Katolika Terminaro Esperanto-Latina, kunmetita de H. G. Wannemakers S.J. kaj P. Huberteno OFM. Cap. aperinta kiel n-ro 3 en la Serio de IKI.

**Roterdama Esp. Societo „Merkurio"** festis sian 60-jaran jubileon kaj por ĉi tiu ĝoja okazaĵo la roterdama turisma oficejo eldonis en kunlaboro de la jubileanta socio ĉarman turisman prospekton pri Roterdamo. Interesiĝantoj petu ĝin ĉe V.V.V., Stadhuisplein 19, Rotterdam 1, Nederlando.

## „Internaciaj vartarifoj"

**La unua fervoja faklibro kun ampleksa resumo en Esperanto.**

Gazet-eldona kaj propaganda institucio de Jugoslaviaj Fervojoj preparas eldonon de publikaĵo kiu estos tre interesa ankaŭ por esperantistoj laborantaj en komerca fako de la fervojoj. La titolo de la libro estas „Internaciaj vartarifoj"; ĝi estas originale verkita en serbokroata lingvo kaj je la fino ĝi enhavos ampleksan resumon en la internacia lingvo Esperanto.

En la libro estas detale priskribitaj diversaj problemoj ligitaj kun ekesto kaj funkciado de internaciaj tarifaj unioj, kun apliko de internaciaj vartarifoj, kreo de iliaj juraj bazoj, laboro de internaciaj tarifaj konferencoj kaj komisionoj, divido de la internacia vartrafiko, enspezoj kaj kostoj de fervojaj administracioj — membroj de tarifaj unioj ktp. La verko estas bazita ĉefe sur la spertoj de Jugoslaviaj Fervojoj akiritaj en multnombraj tarifaj unioj kun pluraj fervojaj administracioj de Mezeŭropo. Je la fino de la verko estas prezentitaj ankaŭ pluraj ekzemploj de la kalkulado de frajtprezoj laŭ la internaciaj vartarifoj kun respektivaj ilustraĵoj.

La aŭtoro de la libro estas Gvozden Sredić, vicprezidanto de Jugoslavia Asocio de Fervojistoj Esperantistoj (JAFE) kaj membro de la IFEF-komitato. Li okupas cetere postenon kiel referento por enlandaj kaj internaciaj vartarifoj en la Unuiĝo (ĉefdirekcio) de Jugoslaviaj Fervojoj en Beograd.

---

Utrecht, la 18an de sep. 1966

Kara kolego de Jong,

Kiel mi jam buŝe sciigis al vi, mi post la IFEF-kongreso en Fulda ne plu akceptos la funkcion de ĉefkomitatano.

Kun koraj salutoj,
J. J. Labordus,
Kenaustraat 26, Utrecht

---

**Landaj asocioj atentu! La aprila numero de LIF (kun la lastaj kongresaj sciigoj) aperos la 1-an de aprilo. Bonvolu zorgi, ke ĉiuj IFEF-anoj ĝin ricevu antaŭ la kongreso.**

**Ĉarmaj urboj kun interesaj fasadoj tiros nian atenton dum la kongresa semajno.**

Foto: Dr. Wolf &Tritschler





Esperanto -Presejo, Harĝinxveld.